HAMBURG Esperanto



4/1993

Aŭgusto/Septembro

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.

Tiu ĉi spaco intence restis libera por memorigi pri la viktimoj de la milito en Bosnio kaj Hercegovino

# Mortigu vian najbaron, UN toleros!

**Vere estas skandalo, ke Serboj kaj Kroatoj rajtas perforte dividi inter si Bosnion kaj Hercegovinon, sen ke la monda komunumo decidas efektive helpi al tiu senhelpa lando. Oni eĉ malebligas al ili mem defendi sin per embargo de armiloj. Eŭropo kaj Unuiĝintaj Nacioj timas plivastiĝon de la konflikto. Ĉu denove oni volas akcepti *Munkenan Kontrakton*, por eviti militon? Ĉu vere la homaro ne lernis el la historio? Aŭ ĉu eble estas vere, ke Usono ne interesiĝas pri iuj stultaj Bosnianoj, kiuj eĉ ne havas petrolon, kiel supozas kelkaj Bosnianoj? Ĉu petrolo estas pli grava ol la vivo kaj la libero de homoj? Almenaŭ en la eta Kuvajtio Usono montris, kiom forta ĝi povas defendi siajn interesojn; sed en Bosnio Usono ne havas tiajn interesojn, kaj la aliancanoj de Usono ankaŭ ne...**

Benno Klehr

## Enhavo

El la redakcio ... 2
El nia klubo ... 3
El nia klubo ... 4
Klarigo ... 5
Nia Terura Enigmo ... 6
Nia programo ... 7
Diversaj Temoj ... 8
'n Beten wat op Platt (Platdiĉa) ... 9
El aliaj landoj ... 10
Studrondo ... 11
SHELO ... 12

## Editoraĵoj

**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, 20535 Hamburg
✆ (040) 2 50 30 65
*Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, 22769 Hamburg,* ✆ *(040) 43 51 97*
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges, 21029 Hamburg*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 5/1993:**
**10-09-93**

## Sentenco

**El vico de nuloj oni facile faras ĉenon.**

*Stanisław Jerzy Lec*

## Sufiĉe frue

Mi ricevis la n-ron 3/93 de ***Esperanto aktuell*** sur kies koverto troviĝas afrankostampo kun la dato **21.6.93**. En la gazeto, sur paĝo 3, GEA invitas al la jarĉefkunveno 1993 en Karlovy Vary, kiu okazis la 30an de Majo! Do la invito alvenis tri semajnojn post la okazo. Certe, ankaŭ la laborantoj ĉe *Esperanto aktuell* estas nepagitaj. Tamen, tri semanjnoj estas iom pli ol tolereble. Speciale invito al jarĉefkunveno estas tiom grava, ke tia numero aperu ĝustatempe, aŭ almenaŭ antaŭ la okazo. Mi deziras ricevi informojn **sufiĉe frue**.

*Benno Klehr*

## Ni pri ni

La bulteno *Esperanto Hamburg* estia planita ĉi-foje kun speciala paĝo por **SHELO**, la *Ŝlesvig-Holstinia Esperanto-Ligo en GEA*. Bedaŭrinde SHELO ne kaptis la okazon, prepari propran paĝon. Tiel profitis aliaj el la situacio: Aperas senkostaj varbaĵoj por la gazetoj *Eventoj* kaj *Heroldo* kaj ankaŭ por *Pola Radio*. Tamen ne estas nuraj varbaĵoj, sed utilaj informoj por niaj legantoj pri publikigiloj en Esperantujo. Krome iliaj redaktoroj ankaŭ estas niaj legantoj.

## Bonvolu noti!

La **novaj poŝtkodoj** en Germanio kaŭzas ioman **konfuzon**. La poŝtkodo de la redaktoro de *Esperanto Hamburg* ne estas la sama kiel tiu de la klubo:

Benno Klehr, Oelkersallee 31
**22769** Hamburg
kaj
Hamburga Esperanto-Societo
Klaus-Groth-Straße 95
**20535** Hamburg

# 90 jaroj - kaj neniom saĝa

**Hamburg (ehh). En Majo 1994 Hanburga Esperanto-Societo festos 90jaran jubileon. Fakte estas la jubileo de la fondiĝo de la *Unua Hamburg-Altonaa Esperantista Grupo* de 1904, kies posteulo estas HES depost 1946.**

Hamburga Esperanto-Societo volas festi tiun eventon ĵaŭde antaŭ la Germana Esperanto-Kongreso en Kiel (pentekoste 1994).
Estas planitaj **gazetara konferenco**, **prelego**, **ekspozicio** kaj vespera **teatraĵo**.
Krome HES eldonos jubilean **broŝuron**, kiu respegulos la vivon kaj la historion de la societo. La broŝuron kompilas *Hella Lanka*.
Ni ankaŭ klopodos ĝis tiu dato eldoni novan **urbo-prospekton** kaj novan **varbfolion**.

Por kiel eble plej bone aranĝi la tuton, **HES alvokas ĉiujn membrojn, kunhelpi en la preparado:**
Kiu havas malnovajn dokumentojn?
Kiu pretas organizi ekspozicion?
Kiu havas bonajn ideojn por prezenti la klubon kaj ties historion?
Kiu ŝatus kunlabori en la preparado de la jubilea festo?
Kiu ŝatus esti kluba dejoranto dum la festo?

# Koloraj Varbiloj




Plej multaj el niaj legantoj konas la **koloran varbilon**, kiun HES eldonis antaŭ la kongreso en Schwerin en **1992**. Ĝi estis vere sukcesa. Laŭ pritakso de spertaj Esperantistoj, ĝi estas la plej **moderna** kaj plej **alloga** varbilo pri Esperanto, kiu ekzistas en la mondo. Ĝi prezentas Esperanton per atentigaj koloroj, kaj ne en deca grizeco. La "frapaj" koloroj ne plaĉis al la estraro de GEA, kiu krome riproĉis mankon de kunlaboremo flanke de HES. Ni fakte konscie ne informis GEAn , ĉar ni sciis, ke ni devus vendi la tutan stokon antaŭ la enkonduko de la novaj poŝtkodoj, kaj due ni volis prezenti ion tute modernan, kiu havu stilon, ĝis nun ne kutiman en Esperantujo. Laŭ nia plano ĝi estu moderna varbilo, kiel profesiuloj ĝin faras, kaj ne aspektu kiel flugfolio de iuj unuopuloj, kiuj varbas por iaj strangaj ideoj. Ni sukcesis pruvi, ke eblas eldoni pageblan koloran varbilon, kiu prezentas Esperanton laŭ modernaj manieroj. Montriĝis, ke ĝuste pro la frapaj koloroj la homoj rigardas la varbilon, kaj speciale gejunuloj neniel taksas ĝin tro bunta. Nun, post unu jaro, la unua eldono elĉerpiĝis; ni vendis **20.000** ekzemplerojn. Do, prezo kaj aspekto estis akceptitaj de aliaj kluboj kaj aktivuloj, kiuj mendis ĉe ni.

Ni planas **novan eldonon** de tiu varbilo por 1994.

Ni proponis al GEA, prepari komunan eldonon, pri kies aspekto decidu GEA. Por pli facile povi financi la noveldonon, ni petas pri donacoj al la konto de *Hamburga Esperanto-Societo* kun indiko **varbfolio**:

**Poŝtĝirokonto n-ro 173 22 - 207 ĉe Postgiroamt Hamburg (BLZ 200 100 20)**

# Ĉu vi memoras?

**En la venonta somero de 1994 estos 20 jaroj kiuj pasis post la 59a Universala Kongreso de Esperanto en Hamburg.**

Mi volas kolekti impresojn de partoprenintoj / organizintoj de tiu kongreso.
La kaŭzo ne estas nur, ke Hamburga Esperanto-Societo festas jubileon, sed ankaŭ mi havos jubileon.
Post la UK en Hamburg mi konatiĝis kun August Weide, kaj mi fariĝis Esperantisto. - Li ne varbis min, sed li instigis min, transpreni la idealojn de miaj geavoj.
Tio okazis antaŭ preskaŭ 20 jaroj ...
Do karaj spertuloj, skribu pri tiu tempo, kiam okazis la Universala Kongreso en Hamburg. La adreson vi konas!




*Benno Klehr*

# Menuplano de la HES-klubejo

**Por ke niaj membroj kaj gastoj povu jam antaŭe plani, kiam ili ŝatas manĝi en la klubejo - tre grava decido por vegetaranoj ekzemple - ni publikigas nian menuplanon por la monatoj Aŭgusto kaj Septembro. Krome tiu menuplano montras, kiom varia estas nia oferto dum Ĵaŭdaj vesperoj.**

Ni ne ofertas luksajn menuojn, sed ni ĉiam klopodas esti iom pli bonaj ol simplaj kantinoj aŭ rapid-manĝejoj.
Niaj **prezoj** estas eksterordinare **malaltaj**: Manĝo kun deserto inter 7,- kaj 8,- GM!



**Aŭgusto:**

**05** Potaĵo* de diversaj legomoj kun rizo kaj (laŭ deziro) fiŝaĵo (post la UK laŭ Hispana maniero)
**12** Bulkobuloj* kun ĉampinjonoj en krema saŭco
**19** Fiŝaĵo kuirita kun aromherba saŭco
**26** Gulaŝo laŭ Hamburga maniero: kun nudeloj kaj kukumoj (ankaŭ haveblas terpomoj)

**Septembro:**

**02** Fritita Kolbaso kun kuiritaj terpomoj kaj fazeoloj
**09** Fritita celerio* kun spicita kazeo kaj bakitaj terpomoj kun karvio (ege bona).
**16** Labskaus (tipe nord-Germana manĝaĵo el terpomoj, bovaĵo kaj ruĝaj betoj).
**23** Legoma supo*
**30** Frititaj fiŝ-pecoj kun terpoma salato
*** =** **vegetarana manĝaĵo**

# "Unu el la plej riĉaj kluboj"

**En la gazeto Monda Merkato n-ro 1/ 1993 troviĝas artikolo pri nia klubo resp. klubejo, en kiu aperas la frazo: "Ne estas la hazardo, ke la hamburga klubo estas unu al** (legu: el) **la plej riĉaj kluboj en Europo." – pro tio la titolo.**

En tiu artikolo, bedaŭrinde mankas la nomo de la aŭtoro, estas priskribita la Hamburga klubejo el vidpunkto de vizitanto, sen scio pri la realaĵoj. Certe, ĉiu rajtas skribi pri siaj impresoj - sed demandi pri faktoj estas pli bone ol simple supozi.

Pri nia biblioteko oni legas, ke ni havas "grandegan ĉambron plenplenan de diversaj libroj". Tiu grandega ĉambro havas iom pli ol 12 m². Poste estas menciita la propra domo, kiu laŭ la artikolo havas 80 m² anstataŭ la vera areo de 130 m². Ankaŭ aliaj priskriboj ne estas ĝustaj: 1) Ni ne luigas la domon al aliaj firmaoj, sed nur al unu fondaĵo, kiu laboras por Eŭropa interkompreniĝo. 2) Nia t.n. presejo konsistas el komputora printilo kaj fotokopiilo, kiuj staras en la biblioteko. 3) Loĝejo tute ne ekzistas en nia klubejo: Antaŭ necesejo kaj duŝejo estas malgranda trairejo, kie ni amasigas neuzatajn seĝojn kaj tie povas starigi unu liton. 4) Ni ne vendas trinkaĵojn aŭ manĝaĵojn al fremduloj, sed nur al klubanoj kaj klubaj gastoj. 5) Ni ne permesas la uzadon de nia komputoro, eĉ ne kontraŭ pago, al ĉiu, sed nur al tre limigita grupo de klubaj aktivuloj. 6) Feliĉe ni ne devas pagi impostojn kiel komerca entrepreno. Nia klubo estas agnoskita de la financa administracio kiel "gemeinnützig" (t.e. utila al la socio aŭ komunumo) pro la interpopola ideo de Esperanto. Tamen, se ni perlaborus verajn gajnojn, do se ni vere forluus la domon al iuj firmaoj ktp. ni devus pagi impostojn. Ni klopodas - ĝis nun sukcese - vivteni nian domon pere de donacoj. Tamen la kostoj pagindaj estas altaj: Hejtado, akvo, kurento kaj rubo-forigo en Hamburg kostas sufiĉe multe. Ni ankaŭ devas pagi telefonon, kamenbrosiston, purigistinon, asekurojn pri fajro, vitro-rompiĝo kaj akcidentoj.




➪ **La suba etaĝo de la klubejo de la Hamburga Esperanto-Societo, kun la kuirejo, kunvenejo, provizejo kaj aliaj ĉambroj, kiel necesejoj, duŝejo kaj gastoĉambro.**

Al eksterulo la Hamburga klubejo aspektas imitinde bone funkcianta - sed kiam oni scias pliajn detalojn, oni fariĝas iom malpli entuziasma. La klubo kaj la klubejo nur povas ekzisti pro la sindonema engaĝiĝo de tre malmultaj personoj, kiuj investas tre multan tempon kaj monon por ebligi tiun unikan lokon en Esperantujo. Tiu propra domo estis revo de Hamburgaj Esperantistoj dum pli ol 50 jaroj, kaj en 1979 tiu revo realiĝis. Tamen, laŭ la kondiĉoj de hodiaŭ, ankaŭ ni en Hamburg hezitus, denove transpreni tiom grandan financan riskon, kio nur eblis pro la granda subteno de kelkaj el niaj membroj.

Do, la instigo al aliaj kluboj (speciale en Pollando), kiun oni povas legi en la artikolo, organizi ion similan, al ni Hamburganoj tute ne estas komprenebla. Ni ne rekomendas al iu, transpreni tian riskon, havi propran domon. Propra domo postulas tiom da laboro ke mankas la laborfortoj por aliaj agadoj, kaj tiel la prospera Esperanto-laboro ne estas tiom sukcesa kiom ĝi povus esti.

Benno Klehr,
prezidanto de Hamburga Esperanto-Societo

# Nia Terura Enigmo






**Vertikale:**

**1** Grupa agado de samokupanoj; **2** desegnu konikon; **4** tia tero post pluvo; **5** Franca markizo ne inventis tiun emon; **6** ferika-oksid-hava argilo; **7** Angle estas ĝi, kiun ni uzas pasiva; **8** natura ŝtono en mola kavaĵo; **9** lia de tiu; **10** io konkreta, **11** malnova moner' el la lando de la 78a UK; **12** arb' en Cornwall; **14** por la gorĝo aŭ en la stomakon; **15** freneza edzo de katolika reĝino; **19** kompleta malordo; **23** hajla pano; **25** nekonscia Zamenhofa diskriminacio; **26** unuopulo el grupo; **27** Edisona bateri'; **28** ne pereas ĝi dum fluas la Vistulo tie; **33** ŝnuro ĉe la rando de velo; **35** por fari tion, ni havas ventolilon; **37** Profesi' de Abd al-Rahman; **38** bazo de naturaj logaritmoj; **41** antaŭ mi kaj malantaŭ mi, sur ambaŭ flankoj ne validas; **42** farmist' faras tion inter la kulturplantoj; **44** HES ne estas landa ligo, sed tia grupo; **46** aldon' aŭ ripeto; **47** ĉu paro aŭ grupo dependas de la nombro; **54** mallonge kuba decimetro;

**Horizontale:**

**1** centro, ĉefa punkto; **7** malsano kaŭzebla de 8 vertikale; **13** Romia monero sur papero; **15** estas tio, ke la pilk' estas ronda; **16** rivero France; **17** mallongigo mezurata en omoj; **18** tie en St. Georg laboros episkopo; **20** tia acid' troviĝas en teo; **21** soldatkorne; **22** ruĝa Norvegano; **24** ne traŭb', sed tamen; **25** funk-

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30.
*Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00.
*Studrondo:* sabate en semajnoj kun para numero: 14:00.
*GIS*: ĉiun lastan lundon: 19:30.
*Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet.
*Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00.
*Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00.
*GIS*: jeden letzten Montag: 19:30.
*Paroliga Rondo*: jeden Dienstag: 18:30.

## AŬGUSTO

**5** **Raporto pri la Universala Kongreso**

**12** ***Literatura Vespero***
E. Wielgus

**14** *Studrondo*

**19** **sen programo**

**26** **Vortkvizo**
Frank Merla

**28** *Studrondo*

**30** *GIS-Kunveno*

## SEPTEMBRO

**2** **Literatura vespero**
*Wolfgang Löbel*

**11** *Studrondo*

**9** ***Klubaj Aferoj**:*
*Frederikaĵoj*

**16** *Video-filmo:*
**Bialistoko**

**25** *Studrondo*

**23** **sen programo**

**27** *GIS-Kunveno*

**30** **sen programo**

**Daŭrigo de paĝo 6**

ciebligilar'; **28** ne interesas min; **29** kiun rilatas mia kaj via; **30** paprika deveno; **31** part', dependa de cifero; **32** makro-mikroskopo; **34** tia ne estas Esperanto aktuell; **36** Atena ĝardeno aŭ konstanta societo; **39** besto kun piedoj kiel 53 horizontale; **40** por esti vidata partoprenu ĝin dum UK; **41** franceme malordo; **43** lim' al azio; **45** gumrezino el hinda arbo; **48** duobla sulfato de kalio kaj aluminio; **49** veturilo sen benzina motoro; **50** nedividebla, hispane kuz'; **51** Mallonge Jutland' kc.; **52** meze de Oktobro; **53** hojo kaj ĉio tia; **55** tute stulte, sed Muzo laŭ PIV. *BK*

**Se vi volas manĝi**

**Ĵaŭde en la klubejo,**

**bonvolu atenti la novan**

**servon de nia kuirejo:**

**Sur paĝo 4**

**vi trovos menu-planon!**




# *Eventoj*

**En Budapeŝto aperas dusemajna gazeto kun la supra nomo, laŭ niaj informoj jam dum unu jaro. Estas vere mirige, kiom plena je diversaj mallongaj artikoloj ankaŭ Esperanta gazeto povas esti ! Certe, multaj artikoloj estas pli-malpli varbaĵoj, sed nepre ankaŭ informoj el la movado, kiuj pli aktuale ne aperas. Ĝi havas la formaton A4, kaj prezentas grafike elstaran aspekton , kun bonaj fotoj kaj grafikaj elementoj – ĝi povus esti de ni...**

En tiu gazeto (n-ro 28) en Aprilo troviĝas anonceto pri nova libro pri **Anatomio populare**, 128 paĝoj kun facile kompreneblaj kaj ilustritaj klarigoj pri la homa korpo. (DM 29,80) Plej interese por ni **Hamburganoj** estas, ke tiun libron verkis iama estrarano de **HES**, **Harald Schicke**, kiu estas natur-kuracisto. Li ne plu loĝas en Hamburg.
Por mendi skribu al: Harald Schicke, Im Heidewinkel 45, 21271 Asendorf (aŭ demandu en via librovendejo, ISBN 3-89240-078-4).

**Cetere la gazeton *Eventoj* vi povas mendi ĉe:**
**LINGVO - Studio, pk 87, H - 1675 Budapest, Hungario**

---

# HEROLDO DE ESPERANTO

La duobla aŭtuna numero de *Heroldo de Esperanto*, kun detala ilustrita raporto pri la Universala Kongreso en Valencio, estos ekspedata senpage al ĉiu, kiu petos ĝin per **simpla poŝtkarto** al la redakcio.

Adreso:
**HEROLDO DE ESPERANTO**
**Via Sandre 15**
**I - 10078 Venaria Reale**
**Italio**

---

# Pola Radio

**Pola Radio aŭdigas siajn Esperanto-elsendojn ĉiutage:**
15.30 h - 31,50 m, 41,99 m, 49,22 m, 200 m (= 9525, 7145, 6095, 1503 kHz)
22.30 h - 41,18 m, 41,27 m, 49,22 m, 200 m (= 7285, 7270, 6095, 1503 kHz)
La horoj estas indikitaj laŭ mezeŭropa tempo.
Informiloj kaj mendiloj por la senkosta koncerto kun bondeziroj haveblas en la klubejo!
**La programon ni publikigis en la pasinta numero de *Esperanto Hamburg*.**

Plej aktuale: **Kongresa Servo**

**Pola Radio raportos ĉiutage iom pri la Universala Kongreso en Valencio, kaj ekde la 1a de Aŭgusto 22.30 h pli vaste kun intervjuoj pri la agado de UEA, aliaj oranizoj la praktika aplikado de Esperanto kaj pri Hispana kulturo.**

# De niege West

„Na, Fritz Lebahn!" seggt Nanter Plog,
„Du höllst ja hüt de Snut so hoch,
As wier Di in de Kron wat schaten,
Du wist mi woll nich mitspäl'n laten?"

„Dat will ick doch!" röppt Fritz Lebahn,
„Ick kann man hüt nich anners gahn,
Ick möt man mienen Kopp so drägen,
Ick hew jo mien nie West ankrägen!
Von Vadder sien oll Büxenfutter,
Un von dat anner hett mien Mudder
De unrecht Siet nah buten dreiht
Un dor 'ne feine West von neiht;
Mien Mudder, Du, de kann so Saken,
Du, de kann feine Westen maken!"

„Von Dienen Vadder sien oll Büx?
Von sien oll Hos' – äh! dat 's doch nix!
Un dorüm smittst den Kopp in'n Nacken
Un deihst, as künnst mit mi nich snacken?
Ne, dorüm mak man kein Gewäs'
Un holl man nich so hoch de Näs',
Dorüm brukst nich so mastig gahn!"

„Dat dauh'ck ok nich!" seggt Fritz Lebahn,
„Dat is von mi kein Mastigkeit,
Ick weit man nich, wo 't kamen deiht,
Ick frög mien Mudder all hüt morrn,
De meint, dat kem von 'n Büxenborn,
Den harr se vörn mit rinnerflickt, –
Ick weit nich, wo mien West nah rückt!"

Rudolf Tarnow

Tiu ĉi paĝo aperas en nia bulteno, por memorigi niajn membrojn, ke en norda Germanio ankoraŭ ekzistas alia lingvo ol la kutima Germana: la Platdiĉa. En la ĉiutaga vivo en Hamburg la lingvo ne ludas gravan rolon, sed ĝi ankoraŭ ekzistas kaj estas komprenata de plej multaj Hamburganoj. Ĝi estas averta ekzemplo, kiel potenca lingvo povas forigi alian. La fraktura skribo ne estas nepre necesa, sed ĝi estas la kutima skribo de la originala eldono de la aŭtoro.




# Ukraino, grenejo de Eŭropo

**Jam en la antikva Romo** estis konata la fekunda regiono norde de la Nigra Maro. La komercistoj per ŝipoj alportis **grenon, mielon** kaj **vinon** el la havenoj inter Danubo kaj Dono. En la jaro 47 a.K. la Romianoj konkeris la landon apud la duoninsulo **Krimeo**.

Ankaŭ la nordo de Ukraino estis loĝata dum tiu tempo, sed **Kiev**, la nuna **ĉefurbo**, estis menciita unuafoje en la 9a jc. kiel sidejo de princo. Alia princo estis menciita en la 11a jc. en la urbo **Ĉernigov**, norde de Kiev.

Ambaŭ urboj estis detruitaj en 1239 kaj 1240 respektive de la **Mongoloj**, sur ilia vojo al Silezio kaj Hungario. En 1364 granda parto de Ukraino estis konkerita de **Litovio**, kaj tiel poste fariĝis **Pola**. En 1654 ekestis **Kozaka ŝtato**, kiu estis dividita inter **Pollando** kaj **Rusio** en 1667 kaj post 1793 tute fariĝis **Rusa gubernio**. En 1917 estis fondita la **Ukraina Socialisma Respubliko**, kiu en 1922 estis kunfondinta membro de **Sovetunio**. Dum la dua mondmilito tuta Ukraino estis okupita de **Germanaj trupoj**. Multaj urboj estis detruitaj. Sole en Kiev mortis proksimume 200.000 homoj. La urbo **Kiev** situas apud la rivero Dnepro kaj hodiaŭ havas 2.54400 enloĝantojn. La industrio produktas **maŝinojn** kaj **aparatojn**, **nutraĵojn**, **teksaĵojn**, **river-ŝipojn** kaj **ĥemiaĵojn**. En la urbo rezidas **Arkiepiskopo** de la Ortodoksa Eklezio, ekzistas pluraj **altlernejoj** kaj **fak-lernejoj** kaj multaj **teatroj**. Kiev estas centro de la **Atom-esplorado**. En 1986 okazis la granda **atom-katastrofo** de **Ĉernobil**, nur 130 km norde de Kiev.

Ukraino havas 51.704.000 enloĝantojn sur 603.700 km². (tuta Germanio 357.039 km²)

Aliaj urboj:
**Ĉernigov** (278.000 enl.), **Ĥarkov** (1.660.000), **Jekaterinoslav** (inter 1917 kaj 1990 nomita Dnepropetrovsk, 1.182.00 enl.), **Jusovka** (antaŭe ***Doneck***, 1.110.000 enl.), **Lvov** (Lemberg, 790.000 enl.), **Odeso** (1.141.000.), **Sverdlovsk** (1.331.000). BK

# *Matjes**-manĝado en Glückstadt

Je la 19a de Junio 1993 renkontiĝis en ***Glückstadt*** (40 km okcidente de Hamburg) 16 personoj laŭ invito de **GEFA** Hamburg. Venis Esperantistoj el ***Lübeck***, ***Hamburg*** kaj ***Rendsburg***.

La vetero estis kontentiga. La grupo promenadis tra la tre vivoplenaj stratoj, kie dum la tradicia ***Matjes-semajno*** troviĝas diversaj budoj, standoj kaj ankaŭ karuselo sur la foirejo.

En la restoracio "zur alten Mühle" ĉiu mendis laŭ propra gusto en speciala preparo. Fariĝis societema manĝo.

Poste okazis denove promenado sur digo, tra la haveno, returne al la foirejo kaj fine vizito de malnova preĝejo.

En hotel-restoracio ĉe la foirejo ni ĝuis kafon kaj kukon, kaj trovis iom da tempo por interesaj interparoloj. Fine alvenis la tempo por adiaŭi kaj veturi hejmen. *Wolfgang Löbel*

***Matjes**-haringoj estas tre ŝatata specialaĵo el Nederlando. Tamen la nomo nur ŝajne estas Nederlanda, sed fakte Platdiĉa (t.e. nord-Germana lingvo). La vorto *Matje* - Germane Mädchen - signifas knabino. (La Nederlanda vorto estas *meisje*.) Do, tiuj "knabinaj" haringoj estas tre junaj (kaj tre delikataj) haringoj, konservitaj sen kapoj kaj ostoj per salo kaj oleo. *BK*

# Stralsund en Oktobro

**Semajnfina ekskurso al Stralsund!**
**Inter la 1a kaj la 3a de Oktobro 1993 ni volas veturi al Stralsund.**

Ĝis nun estas rezervitaj 20 lokoj en la loĝdomo de la Fervojista Lernejo de la Germana Fervoja Kompanio en Stralsund. La Forvojaĝo de Hamburg okazos Vendrede posttagmeze, la revojaĝo Dimanĉe posttagmeze. La tranoktado kostos po GM 20,-. Ekde 20 personoj eblos ricevi matenmanĝon en la loĝdomo por GM 6,-. Grupa bileto por fervoja vojaĝo kostas proksimume GM 44,-. Aliajn proponojn ni volonte akceptos. Krom familion Jenzen mi ne sukcesis ĝis nun kontakti aliajn homojn el Stralsund, sed mi klopodas. Aliĝemuloj bonvolu anonciĝi ĝis la 4a de Aŭgusto 1993 ĉe Hannelore Brunow aŭ en la klubejo. *HBw*

**Ein Wochenendausflug nach Stralsund!**
**In der Zeit vom 01. - 03. 10. 1993 wollen wir nach Stralsund fahren.**

Reserviert sind bisher 20 Plätze im Wohnheim der Betriebsschule der Deutschen Reichsbahn in Stralsund. Abfahrt Freitagnachmittag, Rückfahrt Sonntagnachmittag. Pro Übernachtung DM 20,-. Ab 20 Personen wäre eventuell ein Frühstück im Wohnheim für DM 6,- zu erhalten. Eine Gruppenfahrkarte mit der Eisenbahn kostet rund DM 44,-. Andere Vorschläge werden gern akzeptiert. Außer Familie Jenzen konnte ich noch keine Stralsunder erreichen. Ich bemühe mich aber weiter. Wer mitkommen will, bitte melden bis zum 04.08.1993 bei Hannelore Brunow oder im Klub. *HBw*




**Apud la Balta Maro, ĉe la insulo Rügen, troviĝas la malnova Hansa urbo Stralsund. La urbo kun la haveno kaj la interesa historio certe valoras viziton.**

# Renkontiĝo de SHELO en Rendsburg

**Rendsburg (ehh). Post la fondado de la Ŝlesvig-Holstinia Esperanto-Ligo (SHELO) en printempo 1993, ĝi intertempe invitis al la unua Internacia Renkontiĝo en Rendsburg okaze de la 5-jara jubileo de la Rendsburga Esperanto-Klubo. Tiu okazis dum la semajnfino de la 11a ĝis la 13a de Junio '93.**

Laŭ la listo de partoprenantoj ĉeestis 5 Esperantistoj el *Danlando*, 3 el *Meklenburgio-Antaŭpomerio*, 6 el *Hamburg*, 7 el *Ŝlesvig-Holstinio*, do entute **21 personoj**.
La iniciatoroj aranĝis tranoktadon kaj manĝadon same bone kiel interesan programon. Krom vigla prelego pri Eŭropo de *d-ro Werner Bormann*, la partoprenantoj konatiĝis kun Rendsburg kaj ĝia historio. La vetero "kunludis" kaj prezentis ĉion, de suno kaj varmo ĝis nubokovrita ĉielo kun malvarma vento, sed sen pluvo.
**Bone preparita** estis la kafotablo en kafejo apud la *Nordmara-Balta Kanalo* sur kiu pasis diversaj ŝipoj, de velboato ĝis granda pramŝipo por Tunizio. **Surprizo** ĝojigis nin Sabate vespere, nome: danc-grupo ludis kantojn el Hispanio kaj Meksikio kaj dancis *flamenkojn* kaj *fandangojn*.
Malgraŭ tiuj okupiĝoj restis sufiĉe da tempo por babilado, memori pasintajn renkontiĝojn kaj fari planojn por la estonteco, kaj inviti unu la alian.
Oni povas etiketi tiun jubilean renkontiĝon kiel sukcesa aranĝo, kaj ni deziras prosperan estontecon al la **Rendsburga klubo** kaj al **SHELO**.

*Wolfgang Löbel, membro de la Hamburga Studrondo*

**72a GERMANA ESPERANTO-KONGRESO**
**20a - 23a de Majo 1994**
**en KIEL - apud la Balta Maro**

**Tiu ĉi paĝo estis rezervita por la landa ligo SHELO, kiu bedaŭrinde ne eluzis la eblecon, publikigi siajn novaĵojn en tiu ĉi eldono.**